# Konstru-Forumo 33

Unue, bonvolu senkulpigi min pro la malfrueco de tiu KF N°33 , la dua kiun mi redaktas. Mi devis forlasi la hejmon (kun komputilo) kaj ĉeesti en Colmar en la loĝejo (sen komputilo) de mia patrino, grave malsana.
Mi profitis la okazon por viziti la entreprenon de Michel Basso (prezidento de TAKE), ankaŭ la sekretarion de TAKE, Edmond Ludwig kaj ties kasiston Andreo Grossmann. Mi dankas tiun pro liaj konsiloj .

## I La reagoj al Konstru-Forumo N° 32

Ne venis multaj reagoj al la unua numero de Konstru-Forumo de mi kunordigita. Vidu tuj en la sekvantaj linioj : Ĉi-foje, mi citas la ricevitajn reagojn. (Eble en la venonta KF, mi ne agos tiel, por malŝpari vian tempon.)

### De Claude LONGUEEPEE

Mi pristudis vian "Konstru-forumon n° 32".
Sed mi rememorigas al vi, ke - malgraŭ unujara specifiga studado pri "Konstruo" en la Centra Lernejo (dum kiam mi komencis korespondajn rilatojn kun Jan Werner !) - 50 jaroj de profesia aktivado en sukerfarado kaj energiŝparado malfakigis min pri konstruado eĉ se mi restas (ne plu kompetenta) interesata...

Jen miaj notoj :

**Terminoj akceptitaj aŭ plu debatotaj.**

N° 13 : Mi konfesu, ke mi daŭre ne scias kio estas "Kipado".
N° 14-15 : Pri la elektotaj terminoj, mi jam donis mian opinion (eble tro franceca ?).
N° 23-24-25 : Mi kredis la aferojn findeciditaj...
N° 31 : Mi ne havas opinion pri neceso pludaŭrrigi la studadon.
N° 32 : Mi jam esprimis mian konsenton pri "taluso".
N° 38---41 : Mi konsideris la problemon solvita.
N° 42---49 : Veršajne afero plu pristudota...

Claude ankaŭ donis sian opinion pri kelkaj terminoj ; vidu poste.

### De Fabien VAN MOOK

Pardonu min pro mia ankoraua nekonfirmo. Jes, mi bone ricevis vian cirkuleron KF 32. Kaj mi enretigos ghin iam. Tion chi mi faros kiam mi havos tempon, vershajne iam en januaro. Legi kaj respondi la KF 32 mi ankaŭ faros en januaro, ĉar dum la proksime venonta tempo mi ne havos tempon. Espereble en januaro ne estos tro malfrue..., Fabien

### De Remy BOUCHET kaj Bronislav CHUPIN nur certigis min pribona ricevo kaj legado;

Mi pardon petas pro mia insistemo, sed mi petas de Rémy, ke li bonvolu doni sian opinon kaj vid-punkton pri la ĉarpentista temo. Fakte, li havas profesian sperton en la fako de la metalaj konstruktoj, inter kiuj ŝtalaj ĉarpentoj.

### De Jozefo Horvath

Bonorde mi ricevis KF n-ro 32. Estante nefakulo mi bezonas pli da tempo por konsidero. Miajn komentojn mi sendos poste Kore:

### De Karel Votoček

Vian unuan sendaĵon kun Ko-Fo 32 mi ricevis bonorde. Ĉar mi havis neniun rimarkigon, tial mi silentis. Sed vian duan sendaĵon mi trovis nur en rubejo. Mi tute ne scias, kial la unua mesaĝo venis rekte al dosiero "Ricevitaj leteroj" kaj la dua al "Rubejo". Feliĉe mi laŭokaze trarigardas eĉ la rubejon, tial mi bonorde ricevis ankaŭ vian atentigon.
Eble mi povas aldoni, ke "stego" kaj "ŝtrebo" troviĝas en mia vortaro kun la sama ĉeĥa signifo "vzpěra".
Ankaŭ mi preferas ne esperantigi geografiajn nomojn. Sufiĉas aldoni la prononcmanieron. Ekz. Marseille (Marsej). Kore salutas vin

### De Zlatko Hinšt

Mi jam ricevis vian novan mesaĝon hodiaŭ matene. Jes, kiam vi konkludas ke ni estas okupataj, mi devas konfirmi al vi ke mi estas okupata pri miaj laborlokaj taskoj. Sed hieraŭ la 7-an de decembro 2011 mi okazigis prelegon pri nia laboro. Laŭ mia iniciato kaj propono al organizanto, prelego okazis sub titolo :

**Faka laboro enkadre de TAKE** – Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj“ en ejo de Kroata Esperanto-Ligo organizanta de Unuiĝo de zagrebaj esperantistoj.

Mi prezentis gravajn informojn pri TAKE kiel organizo, membrojn de diskutgrupo de Konstru-Forumo, ĝisnunan kaj novan kunordiganton kaj redaktoron de Ko-Fo, eldonojn de Jarkolektoj de TAKE, rekte per iliaj ekzempleroj montrinte kaj eksplinte al aŭskultantaj detalojn el enhavoj de ili .

Prova numero de Ko-Fo 32 vere estas bona. Precipe estas bone ke vi faris trarigardon de terminoj kiuj estis nefinitaj en proceduro, tiklaj koncerne signifoj, iuj inter ili nesufiĉe pritraktitaj por kvalita uzado ktp. Jes, sekvos koncerna grava laboro. Ĝisnunaj terminaj vakaĵoj restas kiel regula temo kaj problematiko de Ko-Fo. Mi esperas de tio kvalitan nian (kun)laboron. En ĉi-tiuj kaj aliaj viaj klopodoj mi vere subtenas vin. Eĉ estas necese plivastigadi nombron da kunlaborantoj. Unu detalo – en via antaŭlasta mesaĝo kun aldonaĵo (Ko-Fo 32) vi ellasis nian kolegon Jozsef Halasz kaj poste vi sendis al li vian lastan mesaĝon. Mi sendis al li vian menci itaj e-sendaĵon. En mesaĝo al li mi substrekis lin por denove reaktiviĝi enkadre de Ko-Fo diskutgrupo.

Zlatko Hinŝt aldonis vorton al Jan W por precizi siajn kompetencojn kaj spertojn. :

Kara kolego Jan

Dankon pro senditaj nova Ko-Fo kaj retadresoj. Laŭaspekte de via prezentado de mi kun aliaj Ko-fo-anoj kie Vi skribis ke mi estas fakulo pro ekonomiko de konstruado, precipe pri fervojo, mi faras korektojn, aŭ pli bonajn eksplikojn: mi estas ĝenerale *fakulo pri ekonomiko*, precipe por ekonomiko de trafiko, en kies amplekso de disciplino, aparte por fervoja trafiko. Ankaŭ mi povas konstati, ke mi estas specialisto pri ***kontrolingo*** (ĝi devas esti protektita termino ne kontrolado, ampleksata planado kaj analizado de negocado, unuavice de entrepreno). Nome, krom teoriaj sciigoj, mi praktike tion laboras kaj okupiĝas pri tio. Kaj plu, ankaŭ miaj okupiĝoj estas socia ekologio (precipe elektitaj aspektoj) kaj koncerna e-terminologio, inkluzive interlingvistikajn aspektojn. Pri aliaj aktualaĵoj kaj problemoj mi skribos al vi laŭokazige kaj laŭbezone.

Rimarko P. G. Kara Zlatko : bonvolu re-klarigi la terminon de vi uzitan « kontrolingo », Aŭ, ĉu mi malbone legis vian mesaĝon ?

De Jan Werner

# Komento de la 32a Konstru-Forumo el decembro 2011

fare de Jan Werner, Brno 2012-01-01.

**1e**: Mi dankas al Pierre Grollemund pro lia bona volo kaj diligenteco!

**2e**: Mi konscias, ke nia aktuala memoro pri ĉiuj rezultoj en la rubriko „Ni solvas termin-vakaĵojn“ estas apenaŭ kompleta kaj perfekta. Estus utile kompili supervidon de la rezultoj en konciza formo, kun mencio de nur realaj rezultoj. La listo estu ordigita numere laŭ la temoj de 1 ĝis 54. Helpi povas la *Jarkolekto de TAKE 2010*, nome mia kontribuaĵo „Aktuala defilo de novaj formoj traktitaj de la internacia kolektivo Konstru-Forumo“. Apud ĉiu termino (kapvorto) dekstre, en vertkala pozicio, estas notita numero de la temo kaj sub frakciilo la KF-numeroj, en kiuj la temo estis traktata. Laŭ la prezento de PG en KF 32 mi vidas, ke li en la abundo de la temoj nesufiĉe orientiĝas. En lia supervido kelkaj temoj mankas (1, 2, 4-12, 16, 17). La 3a temo ne estis notita responde al la rezulto. Mi rekomendas proksimume jenan formon:

**1 – kompozito**, **kompozita** materialo – materialoj kunligitaj per artefarita fizika interligo de simplaj materialoj cele por integre atingi pli efikan proptrecon . Ekzemploj: fibrobetono, armita vitro, vitrolaminato. La termino estas akceptita.

**2 – ŝpalo** – (termino ne nur fervojista) – balko kiel fleksata konstruelemento kuŝanta laŭ la tuta longo sur firma aŭ duonelasta (grundo) bazo ka desupre ŝarĝita ĉu loke (de reloj en fervoja trako, sub skafaldo, sub lignostako), ĉu kontinue (plankaj trabetoj en izola ŝutaĵo sur traba tekto), ankaŭ traboj en trabfakaj vandoj, sur kiuj kuŝas solivoj kaj kurtsolivoj.

**3 – trabfaka sistemo / domo / konstruo** – vandoj konsistantaj el horizontalaj traboj, ŝpaloj, girtoj, vertikalaj fostoj kaj stabiligaj ŝtreboj, kiuj komune kun la horizontalaj kaj vertikalaj trab-elementoj formas „fakojn“ de trusa sistemo.

**35 – 37 – 42 – 43 – 50 – 54 – temoj laŭ EBV Duden**. El la amplesaj temoj noti nur vere novajn, ĝis nun neaplikatajn terminojn.
Ĉu iu kuraĝas la aferon kompili? Mi la laboron ne promesas, mi povus maksimume konsulti en la daŭro de kompilado, pro mia okupiteco per aliaj taskoj.

**Rimarko P.G.** ***Ni revenu al tiuj temoj iom posteNun mi preferas prokrasti kaj priatenti la temon de la ĉarpentado.***

**3e**: Propono de PG solvi terminojn de ĉarpentista metio en la rilato al ĉevroj (t.e. portanto de la propra oblikva tegmento). Bone, mi konsentas, sed **estas necese procedi sisteme kaj terminologie**. Ni sekvu la temon en du paŝoj:

**A.** Unue nocie **analizi unuopajn terminojn**, kiuj jam aperas izolite en diversaj vortaroj, tekstoj, dokumentoj, ekz. en KF 32 PG mencias: ĉevrono, fosto, girto, stego, ŝtrebo, ĉarpento, ĉarpenta truso, tir-trabo, bind-trabo, pendofosto, suba kaj supra membro, randa / meza / firsta patno, ŝeklo, diagonalo. Por nia celo estas bezone **difini ilian funkcion**.

**B.** Aparte prilabori unuopajn (historiajn) **sistemojn de ĉevroj** (tegmentaj ĉarpentaĵoj): **1. simpla ĉevrona** (en: *single roof*, *cottage roof*); **2. itala** (en: *multi-purlin roof system*); **3. vertobalka**, laike eble kokbalka (de: *Kehlbalkendach*, *Hahnenbalkendach*); **4. patna** (en: purlin roof); **5. bindora** (en: *roof truss*). – Nur post la difino de ĉiuj ĉi sistemoj estos eble al unuopaj elementoj atribui adekvatan nomon, ĉar estas absolute necese, ke en la samfunkciaj elementoj en unuopaj sistemoj estu nomataj adekvate samforme. La laboro estas pretenda kaj nefacila. Ĉu iu kompetentas kaj komplezas la laboron entrepreni? Iom post iom, eble unu tutan jaron ni progresu popaŝe, recipropke kunlaborante, diskutante. Mi ŝate farus la laboron, sed mi estas tro okupata per certaj laboroj super postlasita manuskripta literatura materialo de mia amiko J. C. kaj plu mi deziras daŭrigi la kompiladon de „eo-en-de-cs konstrufaka kaj arĥitektura vortaro". Provizore mi informas PG, ke **girto** en tegmenta ĉarpentaĵo ne aperas. **Stego** (provizore) ankaŭ ne, ĉu ni aplikos ĝin, ne eblas nunmomente aserti. **Ĉarpento** estas ag(ad)o de ĉarpentisto, ni ne uzu ĝin por iu konstrukto. **Ĉarpenta truso** estas nocio tro ĝenerala, sen konkreta ligo al tegmentoj (ĉevroj). La nomon **tir-trabo** mi ne rekomendas, ĉar celo de la trabo estas bindi al forme stabila dom-tuto la randajn murojn, mi preferas **binda trabo** (bindotrabo, sed pro la prononco ne bind-trabo, kie estas tro da konsonantoj: ndtr). **Supra** kaj **suba membro** estas nur ĉe bindoroj. **Diagonaloj** estas nur en trusa konstrukto, ekz en trusa bindoro, ne en tegmenta ĉarpentaĵo.
La libron de **Gilbert Ledon** ni preterlasu, li estis konstrufaka laiko, la libro abundas per pluraj mulĝustaĵoj.

**4e** Ni solvas termin-vakaĵojn (paĝo 6a). La tabelo estas malfacile ekipebla per nacilingvaj terminoj, ĉar precizajn signifojn de la francaj nomoj mi ne konas. – Al la prezentitaj temoj mi aldonas:
**38 – traverso kaj longverso** – akvceptitaj por balkoj event. ŝpaloj en konstrukto (ponto, skafaldo k.s.) transversaj (traverso) kaj laŭlongaj (longverso).
**41 – segitaj lignopecoj** – interkonsentitaj parte. Anstataŭ tabulo estu breto (F.v.Mook ĝin ne akceptis). Estas konvene renovigi tabelon de ĉiuj specoj kun rekomendataj dimensioj.
**45 – balkosubtenaj konstruktoj**: pendobalko, ŝtrebobalko, kablobalko. Vidu KF 29, *(Rim PG : fakte N° 28)* p. 202-203, kie estas klaraj bildoj. La statika termino „simpla balko" kaj la distingado de ties subteniloj ne apartenas al la temo 45.
**48 – bindoro**. Bindoro neniel rilatas al „plena profilo" (la nomon ni ne traktis) en ĉarpentista tegmenta konstrukto, ĝi estas memstara antaŭfabrikita (prefabrikita) produkto, kies celo estas porti tegmenton super iom grandaj spanoj, kutime super haloj. Materialaj variantoj: ŝtalo, ligno, ŝtalbetono; formoj: trusa aŭ plenvanda. La termino estis interkonsentita.
**49 – krenela balko** – la nomo estas interkonsentita, la bildon vidu en KF 29, p. 203. Temas pri ŝtala balko(trabo), kiu estis fabrikita maniere de ĝia laŭlonga dissego laŭ trapeza linio kaj veldita en unupaŝe ŝovita pozicio, por ke la statika alto pligrandiĝu.
**51 – ŝtonceramiko** – la PIVa formo nepre (!) ne konvenas pro konfuzeblo kun sabloŝtono. La akcepto estas parta, kun „ŝtonceramiko" ne konsentas F.v.Mook, sed al alia, komune akceptebla

formo, la KF-kolektivo ne aliĝis.
**52 – Tektoniko** (en arĥitekturo) – la temino estas akceptita, vidu KF 30, p. 219.

La komenton mi ĵus fintajpis, estas la unua tago de la nova jaro. Mi do salutas vin ĉiujn en tiu ĉi festa tago kaj deziras, ke ni en nia pionira agado daŭrigu, kvankam la ĝenerala situacio en la Eo-movado ne estas esperiga – plu estas ĝenerale neglektata la lingvo mem (esperantologio, terminologio), por la pliparto de esperantistoj plene sufiĉas amike kunveni kaj amuzi sin, ofte nacilingve, ankaŭ UEA kontentas, se homoj almenaŭ aliĝas al tiu ĉi organizo kaj vizitas la kongresojn, event. iam-tiam aĉetas ion en la Libroservo.
En novembro 2011 min petis la UEA-Libroservo pri recenzo de Ekoturisma vortaro. Mi rifuzis, ĉar mi ne estas ekoturisto. Sed oni min insiste petis denove, mi do la vortaron recenzis kaj notis kelkajn iom gravajn erarojn. La recenzo estos publikigita en la Revuo Esperanto de UEA. Kvar aŭtoroj kaj la eldoninto la enhavon de mia recenzo portas kiel maljustaĵon – rezone rekte al mi kaj al UEA. Sed mi ne rajtis ne vidi kaj ne mencii la trovitajn misaĵojn.
Temas tie ankaŭ pri aferoj por ni proksimaj: ĉaleto, telfero.
Amike salutas vin Jan Werner
P.S.
Pardonu afable miajn mistajpojn, la tekston mi korekte ne relegis.

P.G. Mi dankas jan Werner pro liaj rimarkoj. Mi konfesas, ke mi ne ĉion komprenis ! Precipe la diferencon inter truso kaj bindoro ! Estus tro longe ĉi-tie peti klarigojn.

---

## II La temoj traktitaj en tiu bulteno N° 33 de nia Konstru-Forumo :

**1**) Mi memorigas al vi la laste traktitajn temojn :

| | | | |
|---|---|---|---|
| Temo N° 42 | **Bildvortaro Duden 273** | Ĉarpentisto | KF 25/26/32 |
| Temo N° 54 | **Bildvortaro Duden 276 –** | planko, tekto, ŝtuparo | KF 30/31 |

Pri la temo N° 54, ni ne parolos hodiaŭ. Do, ek al la temo N° 42 : Ĉarpentisto.

Eble mia metodo ne plaĉis al vi : mi pensis utila komenci pripensante la bazan formon de la ĉarpentado, nome la triangulan truson kiu donas al la domo kaj ties tegmento sian formon.

Antaŭ ol decidi pri la terminoj de tiu baza strukturo, mi proponis, ke oni konsideru la jam ekzistantajn vortojn „stego“ kaj „ŝtrebo“

Kiel vi povis legi ĉi-supre en la komentojn de Jan Werner, estas multaj punktoj diskutendaj :
**Punkto A de JW** : **analizi unuopajn terminojn** kaj **difini ilian funkcion**. P.G. Mi konsentas, despli ke tion mi provis fari en Ko-Fo 32 ĉe la ĉi-malsupra desegno.

**Punkto B de JW** : **sistemoj de ĉevroj** (tegmentaj ĉarpentaĵoj): **1. simpla ĉevrona** (en: *single roof*, *cottage roof*); **2. itala** (en: *multi-purlin roof system*); **3. vertobalka**, laike eble kokbalka (de: *Kehlbalkendach*, *Hahnenbalkendach*); **4. patna** (en: purlin roof); **5. bindora** (en: *roof truss*). –
**P.G**. *Mi konfesas, ke mi praktikis nur la 4an (patnan sistemon). La 1an ni povas facile imagi. La italan kaj la vertobalkan mi tute malscias ! Do, pardonu Jan, sed ni bezonas* ***<u>bildojn</u>*** *!*
Antaŭ ol analizi tiujn diversajn ĉarpento-stilojn, ni revenu (provizore) al la baza triangulo :
Apude videblas konstrukto konsistanta (provizore) el 6 pecoj :
**A pendo-fosto**
**B bindo-trabo** (Konsentas prie J. H. - J.W.- Cl. L.)
Mi rezignas pri „tir-trabo“ kaj konsentas kun bindotrabo.
**C** (ĝis nun de decidita termino) – nomita provizore kaj svage „ supra membro“



Claude L. proponas ***klintrusero*** kiu tamen ŝajnas malsimpla !
**D** (eble) ŝtrebo . Vidu Ko-Fo N° 32. Jozsef Horvath konsentas kun miaj analizoj. Ankaŭ vidu Ko-Fo N° 28 : temo 45 verkita de Jan Werner : « pendoboko » kaj « ŝtrebo-balko » . La aliaj ne komentis.
**Verdire,** nomi tie la pecon **D** ŝtrebo ne plene kontentas min, ĉar da ŝtreboj estas multaj, kaj tiu peco havas specialan funkcion, nome rezisti la flekso-forton ricevitan de la oblikva « supra membro » C. Se vi rigardas miajn desegnojn kaj fotojn, en Ko-Fo 32 kaj la priskribojn de Jan W en Ko-Foj 28, 29, vi observos, ke ŝtreboj utilas por : A pluteni foston en vertikala pozicio B same pluteni orta la rektangulan strukturon de trabfaka domo . Ĉu ankaù « ŝtrebo » por peco kiu subtenas kaj firmigas oblikvan ĉarpento-pecon kaj apogas sin sur fosto ?

Demando al Jan W : Ĉu tiu desegno montras **truson aù bindoron** ? Vidu viajn analizojn en **la temo 48 – bindoro**. Vi skribis la ekvivalentojn en diversaj lingvoj. En la franca neniel egalas „*ferme principale*, *tirant*, *entrait* » . la „*ferme principale*“ estu „ĉefa truso“ aŭ „bindoro“ (mi ne scias !) kaj „*entrait*“ĝuste estas „tir-trabo“ aŭ prefere „bindo-trabo“ !
La ĉarpentistoj muntas tiun konstrukton (bindoron aŭ truson) sur la grundo antaù ol suprenlevi ĝin al ĝia pozicio sur la muroj aŭ la fostoj.

Jozsef Horvath serĉis la ekvivalentojn en la hungara. Kial ne en la aliaj lingvoj de vi konataj ?

| | Esperante | France | Germane | Angle | Ĉeĥe | Hungare | Nederlande | Kroate ktp |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| peco A | Pendofosto | Poinçon | | | | függeszt őoszlop | | |
| peco B | Bindo-trabo | Entrait | | | | kötő-gerenda | | |
| peco C | ? | Arbalétrier | | | | | | |
| peco D | Ŝtrebo | Contrefiche | | | | gyámfa | | |

Mi ĉesigas nun la konsiderojn pri ĉarpentado. Estus multe por aldoni ! venontfoje …
Ĉu vi reagos, karaj Ko-Fo-anoj ? Vaij rimarkoj estos rimarkindaj !

**2** ) Mi proponas al vi la temon N° 55 (jam ekprikonsideritan de Jan Werner) :

# Tero – teraĵo – grundo – argilo – lomo

Jan Werner (CZ) 2012-01-13

En la Jarlibro de TAKE 2011 aperis la artikolo de Đorđe Obradović: *Tera domkonstruado*. La determina adjektiva epiteto „tera“ estas por laika leganto supozeble komprenebla. Sed por konstrufakulo ĝi levas demandon, ĉu **tera domkonstruado** kaj **tera konstruado** estas nocie parencaj. La radikon ter' mi aplikis por maŝinoj, kiuj helpas manipuli ter-substancon ĉe ajna konstruado, plej ofte ĉe inĝenieraj konstruaĵoj: ŝoseoj, fervojoj, valdigoj, reguligado de riverfluoj, ebenigado de tereno k.s.[1] Tiel estas manipulata materialo, kiun oni povas laŭ PIV nomi **ter/o I-1**: *La solida, firma supraĵo, kiu portas homojn, bestojn kaj konstruaĵojn.* Tero do estas la esenca materialo de la talusa korpo sub ŝosea veturejo kaj fervoja trako, de ŝutitaj valdigoj, firmigitaj riverbordoj, ofte kontraŭinundaj talusoj.k.s.

Por konstrui domojn el nebakita tera materialo ne taŭgas kiu ajn tero, sed teraĵo speciala, foje trovata rekte en la naturo, foje artefarite alĝustigata. La nomo «ter(aĵ)o» por la materialo de domkonstruoj ne konvenas pro sia ĝeneraleco. Ni elnombru kaj prijuĝu unue la anglajn nomojn por diversaj teraĵoj (PIV: **teraĵo** – *amaso da elfosita kaj transportita tero*) laŭ la vortaro de J. C. Wells (1969, 1986):

***clay*** = **argilo**. Tiu „ekvacio“ miaopinie pravas, ni respektu ĝin. Sed argilo ne estas la sola substanco de teraĵo por domkonstruado. Marĝene mi notas, ke en la angla faka leksiko ekzistas adjektivo *argillaceous*, kiu aludas la esperantan argilon. Tiu devenas el la latina *argilla*, veninta al Romio el la greka *αργιλλος*. La sama radiko astas trovebla ankaŭ en aliaj latinidaj lingvoj, inkluzive de la franca: *argile*.

***earth*** = **tero; grundo;** (*el.*) **terkonekto**. Evidente temas pri la esperanta ĝenerala **tero**, kiu funkcias kiel genra termino, do superordita termino. Traduki ĝin per grundo mi ne rekomendas.

***ground*** = **tero, grundo; bazo; fono; tereno**. La prava ekvivalento estas **grundo**, ne tero. Oni povas konsenti kun la kvin signifoj de grundo, registritaj en PIV (2005).

[1] Jan Werner: *Medite pri terlaboraj maŝinoj* en „Terminologiaj konsideroj“, KAVA-PECH 2004.

***loam*** = (grasa, huma) **grundo; argilo**. J. C. Wells en la jaro 1969 ne sciis, ke en Esperanto aperos faka nomo **lomo**, bezonta ekzemple de geologoj (d-ro Josef Kavka), sed ne nur de ili. Verdire, la termino lomo devenas de la angla *loam* kaj ankaŭ de la germana *Lehm*. En la germana faka literaturo aperas:
*Lehmstampfbau* – konstruaĵo el batita lomo.
*Lehmstampfwand* – vando (muro) el batita lomo.
*ausgefachte Lehmwand* – trabfaka vando kun lomplenigo.
Konataj estas verkoj de W. Fauth (*Der praktische Lehmbau*; Wiesbaden 1948) kaj F. Volhard (*Leichtlehmbau. Alter Baustoff – neue Technik*; Karlsruhe 1983).

***soil*** = **grundo**. Tiun ĉi anglan nomon mi komprenas kiel iom superorditan al la esperanta grundo, ĝi nocie kovras ankaŭ teron kiel ter-substancon ĉe terenaj ter-laboroj, ĉe fundamentado de konstruaĵoj inkluzive de la inĝenieraj: ŝoseoj, fervojoj, digoj, terena prilaborado.

***top soil*** = **humtero**, germane *Bodenkrume* aŭ *Ackerboden*. Temas pri la plej supra ter-tavolo[2], en kiu konsiderinda parto de la kulturebla tavolo konsistas el humo. Humo estas kompleksa miksaĵo de organikaj substancoj, devenantaj el la malkomponiĝo de mortaj, precipe vegetaĵaj organismoj en grudo.

El la sondado, kiel nomi la domkonstruan nebakitan ter-substancon, venkas **lomo**, lomo kiel materialo lima inter loza rokaĵo kaj humtero, laŭ la vidpunkto de grajneco inter argilo kaj sablo. Stabileco de la ter-materialo estas ofte subtenata per fibraj komponentoj, iam nur organikaj (glumoj, tranĉita pajlo, lina stupo, ŝafa lano), nuntempe ankaŭ per komponentoj plastaj sintezaj.

Mi konfesas, ke mi konatiĝis kun lom-konstruado en la 1990-aj jaroj, kiam mi kunlaboris ĉe tiutema eksperimentado en la Arĥitektura fakultato de VUT en Brno. En stud-libro pri surtera konstruado por studentoj en la kvara semestro mi kompilis ĉapitron strukturitan tiel ĉi:

1. Lomo – konstrua materialo
2. Fundamentado de lom-domoj
3. Izolado kontraŭ grunda humido
4. Masonaĵo de subtera etaĝo kaj de soklo
5. Vertikalaj portaj konstruktoj de lomdomoj
   5.1 masonaĵo el nebakitaj brikoj (adoboj) kaj blokoj
   5.2 monolitaj batitaj vandoj
   5.3 vandoj trabfakaj kaj lomplektaj
   5.4 pajlo kun lomo (*terre-paille*, *straw-clay*)
   5.5 verŝita lomo
6. Varmizolaj mantelaj vandoj
7. Horizontalaj portaj konstruktoj (tektoj)
8. Tegmentoj
9. Septoj
10. Plankoj
11. Pritraktado de surfacoj

La leksikan kaj nocian nomprovizon en la eŭropaj lingvoj estas malfacile klasifiki kaj kompari, inter unuopaj lingvoj ne regas strikte neta ekvivalenteco. La origina latina kaj la nuntempa itala *argilla f* (vidu supre ĉe la angla *clay*), en Esperanto **argilo**, nepre estu la angla *clay*, la franca *argile f* en la senco *terre glaise* (grasa tero), la germana *Ton m* kaj la rusa *ил m*. La franca *sol m* estu komprenata kiel grundo. La vastsenca **tero**, same la franca *terre f*, la itala *terra f* kaj la angla *earth*, ne povas kontentige esprimi la teran substancon taŭgan por formi portan strukturon de la (precipe) historiaj domkonstruoj.

Surbaze de la leksika kaj nocia analizo de la temo, konsciante la bezonatan konsiston de la tera materialo, enhavanta argilon, sablon, laŭ realaj lokaj kondiĉoj certan kvanton da organikaj komponentoj kaj eventuale pro teĥnologia plibonigo de la teraĵo ankaŭ aldonajn fibrajn stabiligilojn de kompakteco, krome certan kvanton de pura sablo por limigi ŝrumpadon de la maso, mi serioze elektis kaj proponas la nomon **lomo**, kiu ne estas neta argilo, kiu ankaŭ ne estas la ĝenerala plursignifa tero, nek grundo. La laste nomita grundo en si portas pli la sencon de bazo por konstruado, ol la sencon de la koncerna materia substanco.

Per la enkonduko de du terminoj – tero kaj lomo – ni scipovos klare diferencigi la lomkonstruadon de domoj disde la terkonstruado inĝeniera.

Ferme mi ankoraŭ notas, ke la nomon **lomo** nia skipo Konstru-Forumo jam foje uzis, nome en la *Terminaro de betono kaj de betonistaj laboroj* sub la numero 45. Tie ni registris **lombetonon**, kiu estas betono kun lomo funkcianta kiel ligento, event. ankaŭ kiel volumenaĵo. Lombetono povas esti stabiligita per aldona kalko, cemento aŭ alia stabiliga substanco inkluzive de fibroj.

[2] Laŭ PIV 2: Humo – la plej supra, nigra aŭ bruna tavolo de grundo, tre riĉa je humo (PIV 1).

Rimarkoj de P.G. kaj respondoj de Jan W.

1. vi uzis la vortojn « valdigo », « ŝutitaj valdigoj » Kio estas tio ?
WE: Digo baras akvon de rivero en valo, grandaj digoj estas ŝtalbetonaj, sed negrandaj digoj estas ofte el teraĵo, kiu estas konstruata per ŝutado el kamionoj kaj premado (kompaktigado per motoraj rulcilindroj), do: ŝutita valkdigo.
P.G. mi ridis leginte la klarigojn de JW ! mi ne pensis pri tiu kunmetita vorto ! Fakte, streketo inter val kaj digo estintus pli efika por faciligi la komprenon !

2. *Lehmstampfbau* – konstruaĵo el batita ***lomo***
En la franca : construction en ***pisé*** [pize) Ofte videbla en la regiono de Liono / Grenoble . Oni batas la materialon „lomo" ene de lignaj kofroj(WE: ŝelaĵo). per dikaj frapiloj.

3. ***top soil*** = **humtero**, germane *Bodenkrume* aŭ *Ackerboden*
Tiu « hum-tero » korespondas al la latina kaj la franca « ***humus*** »

4. **nebakitaj brikoj** (adoboj) Jes ja ! videblas da tiaj, multaj en sud-ameriko : brikoj sekigitaj de la suno, nomitaj hispane « **adobe** » - bedaŭrinde l'adoboj malforte rezistas la tertremegojn (ankaŭ ne la cunamojn) ! WE :Vidu PIV, tie estas la termino : **adoboj**

5. **pajlo kun lomo** (*terre-paille*, *straw-clay*) En la franca , tute ne « terre-paille » sed « torchis » . (WE : Ni ŝanĝu al *torchis* )Temas pri malpeza strukturo de la vandoj : interplektitaj branĉoj inter fostetoj sur kiujn oni ĵetas kaj premas forte tian miksaĵon de argilo kaj pajlo. La elturniĝemuloj aldonas etan kvanton da kalko. Avantaĝo : pli daùra ; malavantaĝo : tia lomo ne estas reciklebla !



Konkludo : ideojn por nia kolektivo mi havas multe da ! Sed, ni iru paŝon post paŝo ! Mi volas kuraĝigi vin al la skribado, tial mi provizas al vi la paperon (vidu malsupre sur la tablo !)

Sendu viajn vid-punktojn ! Nepre vizitu vortarojn aŭ ret-sitejojn en via nacia lingvo, por iom aldoni al la ĉi-upra tabelo. Dankon !

Ek al la plumoj aŭ la klavaroj !